ESPERANTO



EN AFRIKO

Oficiala bulteno de la Afrika Komisiono

Numero 35 (2018: 2)

*Karaj legantoj,*

*Jen ni en julio, la monato de la 103-a UK en Lisbono! Kaj estas kun feliĉo, ke mi renkontos denove kun kelkaj el vi en Portugalio. Espereble afrikanoj multege ĉeestos al la ĉi-jara monda rendevuo de viva kaj intensa kunlaborado, interŝanĝado kaj amikeco.*

*Sed antaŭe, denove vi havas antaŭ viaj okuloj la novan numeron de la afrika bulteno. Denove ni pruvas per tiu nova numero de la informilo, ke Esperanto vivas en Afriko kaj aktivaĵoj pri ĝi daŭre disvolviĝas en la kontinento malgraŭ lokaj malfacilaĵoj kaj cirkonstancoj.*

*Necesas konstanta flegado de la enkontinenta movado por garantii ĝian kontinuecon. Necesas pensi pri la estonteco, por ke la idealo de Esperanto ĉiam restu vivanta en la nuntempa kaj posta generacioj. Necesas ĉiam pensi pri novaj agadoj, sen malatenti la ekzistantajn. Jen pri kio vi tralegos en la sekvaj paĝoj de tiu ĉi bulteno.*

*Ĝuan legadon!*

***Adjévi Adjé***

************

# UEA elstarigis afrikajn E-agantojn per diplomo

*Fine la poŝto alportis mian diplomon de UEA pri Elstara Agado*, feliĉis Adjévi Adjé, unu el la elstaraj agantaj esperantistoj, kiujn Universala Esperanto-Asocio (UEA) diplomis en 2016.

En la solena fermo de la 101-a UK en Nitro, Slovakio, oni anoncis la nomojn de 14 ge-esperantistoj, kiujn la Estraro de UEA honorigis per Diplomo pri Elstara Agado aŭ per Diplomo pri Elstara Arta Agado. Inter tiuj Elstaraj Agantoj estis 2 afrikanoj: Jean Codjo (beninano loĝanta nun en Kanado) kaj Adjévi Adjé, togolandano. Ambaŭ ricevis la honorigon pro longdaŭra agado por la Afrika Esperanto-Movado.

*Tiu premio estas mia unua internacia honorigo kadre de Esperanto-laborado,* klarigis Adjévi. Li ĝojis ankaŭ, ke UEA agnoskis lian komunan laboradon al nia celo por Esperanto. Estis surprize kaj ne atendite por li, ĉar li antaŭe ne estis kontaktita, nek informita pri la disvolviĝo de la aljuĝa ceremonio de UEA en kiu anonciĝis publike lia nomo ĉe la kongresfino en Nitro.

Laŭ la regularo de UEA pri Honoraj Membroj, Honoraj Prezidantoj kaj Diplomo pri Elstara Agado: *La Estraro rajtas rekoni agadon por la internacia lingvo per Diplomo pri Elstara Agado, informante la Komitaton pri la distingitoj kun konciza pravigo.*


Universala Esperanto-Asocio

Per tiu ĉi

DIPLOMO

al

ADJÉVI ADJÉ

la Estraro de Universala Esperanto-Asocio premias lin pro

elstara agado

por la Internacia Lingvo Esperanto.

Nitro, 23 julio 2016

Prezidanto de UEA

De antaŭ 20 da jaroj Adjévi movadumas aktive. Li i.a. nun komisie redaktas la kontinentan bultenon *Esperanto en Afriko.*

# Plurnacia kongreso kaj AMO-seminario en Burundo

De la 26-a de marto ĝis la 1-a de aprilo 2018, en Nyanza-Lac, en la suda parto de Burundo, kuniĝis 67 aktivuloj el diversaj provincoj de Burundo, DR Kongo, Tanzanio, Sudafriko kaj Zambio, por partopreni la 3-an Burundan kongreson de Esperanto kaj la 46-an AMO-seminarion. La programoj de ambaŭ aranĝoj estis gviditaj de spertaj esperantistoj el Burundo, DR Kongo kaj Sudafriko (la Kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA).

Oni spertis trejnadojn pri bona varbado, kiel fondi kaj disvolvi novan lokan E-klubon, financa evoluigo de lokaj kluboj aŭ kiel fariĝi finance memstara E-asocio, kiel organizi kaj diskonigi eventojn – movade kaj ekster-movade, strategio kaj taktiko por krei E-klubon en lernejoj, kiel eluzi Esperanton en turismo aŭ komerco, kaj kiel organizi E-eventojn.

Poste, okazis Internacia Ekzameno de ILEI/UEA: por la elementa nivelo, aliĝis 16 kandidatoj, el kiuj 10 sukcesis (kun 60%); por la meza nivelo, aliĝis 6 kandidatoj kaj 3 kandidatoj sukcesis (kun 60%). Okazis kvintaga kurso por 66 komencantoj kaj inter ili 64 sukcesis en la fina ekzameno. Vendredon, tuj post la futbala ludo inter esperantistoj kaj loka veterana futbalista teamo, okazis balotado por la nova estraro de ANEB (la landa asocio), JEBUO (Junulara Esperantista Burunda Organizo) kaj BIS (Burunda ILEI-sekcio).

Ni dankas al ĉiuj, kiuj finance, materiale, ĉeeste kaj morale subtenis nin.

**Jérémie Sabiyumva**



Grupa foto de la partoprenantoj de la 3-a BKE

La 3-a Burunda Kongreso de Esperanto (BEK), kiu okazis de la 26-a de marto ĝis la 1-a de aprilo 2018 en Nyanza-Lac, havis kiel ĉeftemon *Fortoj kaj malfortoj de ANEB.*

Tiun ĉi kongreson partoprenis 67 ge-esperantistoj el diversaj provincoj de Burundo, el Burundo, DR Kongo, Tanzanio, Sudafriko kaj Zambio. La kongresaj laboroj kroniĝis per la sekva decidaro forme de rezolucio:

*1. ANEB plifortigu la rilatojn kun unuopaj membroj kaj inter la unuopuloj kaj kluboj,*

*2. Ĉiuj membroj kunlaboru kun la nova estraro kaj per regula kotizo subtenu la landan asocion,*

*3. La estraro okazigu regulajn vizitojn al la kluboj por helpi ilin idee kaj materiale,*

*4. Estu starigita komisiono, kiu zorgu pri organizado de eventoj,*

*5. La 4-a Burunda Kongreso de Esperanto okazu la sekvan jaron en urbo decidota de la event-organiza komisiono,*

*6. La struktura funkciado de la Esperanto-centro de Rumonge - grava havaĵo de ANEB - estu plibonigita,*

*7. La instrusistemo de Esperanto en Burundo estu plibonigita,*

*8. La junulara sekcio de ANEB strebu klopode por eniri la junularan enlandan konsilion,*

*9. ANEB havu pli viglajn rilatojn kun la enlanda komisiono de Unesko.*

Farita en Nyanza-Lac la 1-an de aprilo 2018
La kongreso.

## Libroj senkoste

La eldonejo *Eldona Societo Esperanto* en Svedio povas sendi dukilograman libropakaĵon tute senkoste al E-kluboj kaj bibliotekoj i.a. en Afriko.

La pakaĵo ĉefe konsistas el beletro, originala Esperanta kaj tradukoj el la sveda. Ni ankaŭ povas sendi al unuopaj e-istoj, kiuj volas uzi la librojn por informado pri Esperanto.

Ni deziras ke vi, post la ricevo de la pakaĵo, raportu al ni kiel vi uzis la librojn.

Se vi deziras pakaĵon, sendu al *leif.nordenstorm@gmail.com* vian nomon, kompletan adreson kaj telefonnumeron (se vi havas). Informu kiel vi uzos la librojn.

**Leif Nordenstorm**

# Novaj gvidorganoj por la burunda E-asocio

En ĝenerala baloto, kiu okazis kadre de la 3-a Burunda Kongreso de Esperanto, la membroj de la landa asocio ANEB elektis novan estraron de ses anoj por nova ofic-periodo posttagmeze de la 30-a de marto 2018 en la ĉeesto de la kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA, Emile Malanda.

La aktivaĵoj de tiu ĝenerala kunveno, kiuj dediĉiĝis al prezento de agadraportoj de la eliranta estraro kaj al la reorganiziĝo de la gvida instanco de ANEB, ebligis al la partoprenantoj interkonsiliĝi pri la asociaj atingoj, pridiskuti novajn perspektivojn por pli serena disvolviĝo de la landa Esperanto-movado.

Emile Malanda, nome de la Afrika Komisiono invitis la novajn estraranojn al pli diligenta kaj sindona laboro por havi fruktodonajn rezultojn ĉe la fino de ilia oficperiodo. Li kuraĝigis ĉiujn teni kaj partopreni regule estrarkunvenojn por interdiskuti pri la venontaj agadoj de ANEB, kiu estas unu el la aktivaj asocioj de UEA nuntempe en Afriko.

La ĵus elektita prezidanto, Aimé-Patrick Manirakiza, dankis ĉiujn kunvenintojn pro ilia fido al li. Li promesis labori kun subteno de ĉiuj bonvolaj esperantistoj por la bonfarto de ANEB kaj pli-floriĝo de Esperanto en Burundo. Li invitis la membrojn de sia teamo al pli de respondeco kaj laboremo, por la sukceso de sia mandato.

Elektiĝis ankaŭ novaj estraranoj por JEBUO - Junulara Esperantista Burunda Organizo kaj BIS - Burunda ILEI-sekcio.

**La nova estraro de ANEB konsistas el:**



Prezidanto: Aimé-Patrick Manirakiza
Vicprezidanto: Hassan Ntahonsigaye
Ĝenerala sekretario: Gilbert Ndihokubwayo
Vicsektario: Elysee Ndayishimiye
Kasisto: Pamphile Bahati
Vickasisto: Ada Florence Iracadukunda

**... de JEBUO:**

Prezidanto: Gilbert Niyukuri
Vicprezidanto: Twalibu Bikirantanganwa
Ĝenerala sekretario: Ada Florence Iracadukunda
Vicsekretario: Aimable Irankunda
Ĝenerala kasisto: Aimable Nduwayezu
Vickasisto: Jean Marie Iratwibuka



*La 4-a persono sur la foto meze ne estas JEBUO-ano*

**...kaj de la Burunda ILEI-sekcio (BIS):**

Prezidanto: Evariste Bigirimana
Vicprezidanto: Nestor Haragakiza
Ĝenerala sekretario: Innocent Nsabimana
Vicsekretario: Nicodem Ntakirutimana
Kasisto: Audace Nduwayezu

**El la raportoj de Aimé-Patrick Manirakiza**

**Kion faras via landa asocio aŭ via loka E-klubo en via loĝloko? Bonvolu verki kaj sendi artikolon pri tio. La redakcio akceptas ankaŭ fotojn. Bonvenaj kompreneble estas ankaŭ sugestoj, konsiloj, komentoj por la plibonigo de la bulteno al: *adjevia@gmail.com*.**

# Laborvojaĝoj de Emile Malanda tra tri afrikaj landoj

La kunordiganto de la Afrika Komisiono de UEA (AK), Emile Malanda, sukcese efektivigis kiel antaŭplanite laborvojaĝojn al Burundo, DR Kongo kaj Ruando, de la 20-a de marto ĝis la 21-a de aprilo 2018. Tiu vojaĝprojekto fontis el interkonsultiĝo inter la kunordigantoj de AK, la estrarano de UEA pri Afriko Lee Jungkee kaj la Ĝenerala Direktoro de UEA Martin Schäffer.

Dum siaj rondvojaĝoj Emile Malanda renkontis surlokajn esperantistojn unuope kaj laborkunsidis kun ili grupe ĉiufoje kiam tio eblis. En Burundo la kunordiganto de la Afrika Komisiono laborkunsidis en la urbo Rumonge kaj vizitis la tiean kulturan E-centron, kiu nun statas difektite.

Poste, li veturis al la vilaĝo Nyanza-Lac, kie okazis la 3-a Burunda Kongreso de Esperanto inter la 26-a de marto kaj 1-a de aprilo 2018. Dum la kongreso Emile M. multe prelegis, informis, admonis, kuraĝigis la kongresanojn pri Esperanto kaj UEA-agadoj en Afriko.

Kiel la nuna sekretario de ILEI kaj ankaŭ membro de Internacia Rajtigita Ekzamenantaro (IRE), Emile Malanda kaj aliaj du membroj de la Loka Ekzamena Komisiono ILEI, nome Hassan Ntahonsigaye kaj Jérémie Sabiyumva deĵoris dum la movadaj ekzamenoj de ILEI/ UEA, kiujn trapasis kelkaj kongresanoj.



Membroj de la LEK de maldestre: Emile M., Hassan N. kaj Jérémie S.

Ĉe la fino de la 3-a BKE, 4 e-istoj kune kun Emile Malanda forveturis al Uvira, DR Kongo. Tie la gasto kaj liaj akompantoj motorcikle iris 20km vizite al ZEK (Zilbernik E-klubo) de s-ro Bukuru Nabahen. Sekve de multflankaj instigoj de la kunordiganto de la Afrika Komisiono al la lokanoj, kreiĝis en la urbo Uvira mem E-klubo. De Uvira Emila kaj liaj akompanantoj trairis la danĝere malsekuran ebenaĵon de Ruzizi por fine alveni al Bukavu. En Bukavu okazis same renkontiĝo kun lokaj esperantistoj danke al s-ro Mana Brinson.



De dekstre: Mana Brinson…..

En la urbo Goma, orienta DR Kongo, la kunordiganto pluvojaĝis permotorbicikle al Kiwanja kaj Rutshuru, kie li vizitis la lernejojn en kiuj Esperanto-kurso okazas kaj tieajn E-klubojn, antaŭ ol poste interpersone konatiĝi kun la familianoj de Joel Muhire. Emile krome donis intervjuojn pri Esperanto al 2 ĵurnalistoj de la radiostacioj *RACOVE FM* kaj *RTEDH FM*. En posta tago okazis grava renkontiĝo, kiu kunigis esperantistojn de Kiwanja kaj Rutshuru. Emile devis pli frue ol antaŭplanite forlasi Rutshuron pro sekurecaj kialoj.



Kelkaj el la kunsidintoj en Kiwanja

De Rutshuru la kunordiganto denove revenis en la urbon Goma. Denove okazis labor-renkonto kun esperantistoj en Goma. Ĉi-foje la interkonsiliĝo koncernis la revigligon de la Goma E-klubo, kies aktivaĵoj pli kaj pli ŝrumpis lasttempe. Emile nome de UEA admonis lokajn fortojn kaj E-agantojn relanĉi la agadon de la loka movado. Notindas, ke du grupoj tiel diligente organizas E-vivon kaj klubkunvenojn en Goma. La vizito de la kunordiganto en la du provincoj de DR Kongo, nome Sud-Kivuo kaj Nord-Kivuo vekis entuziasmon kaj donis deziron al lokanoj pluagadi por la celo de Esperanto.

Alveninte fine en Ruando, Emile renkontiĝis kun Adeline Umutoni, ankaŭ membro de la Afriko Komisiono. Tiu ĉi informiĝis sufiĉe pri la UEA-agadoj vive de sia gasto. La plano en Ruando estis aranĝi intense ĉeestajn E-lingvajn kursojn al grupo de 20 interesatoj en la ĉefurbo Kigali kaj en la urbo Gisenyi ĉe la limo kun DR Kongo, helpe de Adeline.



E-teamo dum la burunda kongreso

Entute, la kunordiganto rondvojaĝis plenan monaton tra la t.n. regiono de la Grandaj Lagoj de la orienta Afriko. Ĉiuj vizititoj taksis liajn elpaŝojn kaj intervenojn surloke riĉaj kaj bonvenaj por nova blovo en la regiona movado. La vojaĝkostoj, vivkondiĉoj en la regiono relative malmultekostas kaj kontaktoj, interpersonaj konatiĝoj kun tieaj esperantistoj disvolviĝis en bona etoso, tiel ke ili esprimis la deziron inviti la organizon de Afrika Kongreso de Esperanto al sia regiono.

**Emile MALANDA N.**

Kunordiganto de Afrika Komisiono de UEA

** Pli longaj kaj detalaj raportoj de Emile Malanda estas legeblaj en la oficiala revuo de UEA* Esperanto *1326 (7-8) julio-aŭgusto 2018 kaj en la venontaj numeroj de la revuo.*

# Kie kaj kiel trovi E-korespondamikojn?

La korespondado estas unu el la plej gravaj partoj de la utiligado de Esperanto. Per korespondado oni interkulture amikiĝas, oni lernas kaj mallonge, oni vigle praktikas la lingvon.

Bedaŭrinde dum la lastaj jardekoj la aktivaĵoj de KSM ŝrumpiĝis. Feliĉe en la reto ekzistas aliaj instancoj, kiuj plenumas la rolon. Mi do priesploris kaj trovis: *http://www.adresaro.org*. Tie ĉi oni nepre plenigu la rubrikon "Mi serĉas...", ĉar verŝajne neniu reagos al la anonco, se ĝi ne diras, kion la homo serĉas. Krome ekzistas: *http://www.esperanto-plus.ru/koresponda-servo.* Tamen la lasta afiŝo de tiu ĉi paĝo datiĝas de antaŭ du-tri jaroj. (Eble ĝi pli kaj pli mortas).

Certe la atendoj de babilemuloj, kiuj deziras korespondamikojn povas kontentiĝi per tiuj indikitaj paĝoj. Alie, oni povas ankoraŭ serĉi rekte en Facebook-paĝoj. Menciindas ankaŭ ke intertempe ekzistas la eblo praktiki Esperanton voĉe. Rekomendinda pri tiu estas la ligilo: *https://www.facebook.com/groups/skajpanoj* aŭ la projekto *edukado.net,* nome: *https://edukado.net/ekparolu/prezento,* kaj *https://edukado.net/komunumo/korespondaservo.* Eblas kun iom da bonŝanco ekzemple trovi ankaŭ korespondemulojn en la mesaĝilo *https://telegramo.org,* kiu oferas multajn paĝojn por esperantistoj. Kaj la bulteno de la usona asocio: *http://bulteno.esperanto-usa.org* same regule prezentas korespondpetojn. Atentu pri tio, ke la plej freŝdataj bultenoj tie legeblas nur por la membroj, sed pli malnovaj numeroj legeblas por ĉiuj.

**La Redakcio**

**Legu la bultenon "Esperanto en Afriko" en la reto: *www.esperanto-afriko.org* Vi estas bonvena inter la legantoj!**

# Intervjuo kun Henriel F., aktivulo en Madagaskaro

*Vi estas konata kiel unu el la veteranaj e-istoj en Madakasgaro, redaktoro de gazeto, verkisto kaj profesia esperantisto kadre de ''Esperanto Plus'', kaj antaŭ ne longe vi fondis la retradion Aminda. Bv. mallonge prezenti pri tiu via nova iniciato al ni.*

Ĉio fontis el mia deziro montri al nia samideanaro, ke Esperanto estas ne nur hobio, ke ĝi povas esti io serioza. Mi pensis se mi starigas retradion, ĝi helpos min diskonigi kaj reklami pri miaj diversaj aktivaĵoj al tiom da e-istoj tra la mondo. Mia eta scio pri komputilumado helpis min aranĝi la teknikajn flankojn de la radio, kaj kun helpo de E-amiko el Belgio mi povis aĉeti mikrofonon kaj kaskon. Certe mi farus multon pli per vera radio, sed tio ja havas multajn postulojn, kaj mi iel devis rezigni. Aminda Radio Esperanto (ARE) celas informi la tutmondan esperantistaron pri Madagaskaro, pri Esperanto en tiu lando kaj pri diversaj projektoj rilate Esperanton. Krome ĝi celas ankaŭ kunlaboron kun aliaj e-istoj precipe en Afriko por diskonigi la afrikan movadon.

*Kun la naskiĝo de ARE vi sendube travivas novan sperton, ĉu vi povas diri kiel organiziĝas la elsenda laboro? Kio estas la avantaĝoj kaj la malavantaĝoj ligitaj al retradio?*

Jes, temas pri nova sperto por mi ne nur el la kampo de komunikado sed ankaŭ el tiu de edukado. ARE estas teama laboro en kiu mi trejnas la gejunulojn pri la arto paroli en mikrofono por esti aŭdataj… tra la mondo! Mi mem devas zorgi pri la kolektado de la tekstenhavoj, tajpi kaj ilin printi. Poste, ĉiu devas legi kaj relegi plurfoje sian tekston antaŭ ol venos la provregistrado. La studio estas en mia ĉambro, kie kutime okazas niaj klubkunvenoj. Ni faras provan sonregistradon kaj laŭ tio mi alĝustigas la nivelon de la mikrofono. Praktike, por registri unuhoran podkastaĵon necesas preskaŭ deko da horoj kaj oni devas okupiĝi ankaŭ pri la flego kaj plibonigo de la registritaj sonoj antaŭ ol alŝuti ilin. Nun mi scias nur pri la podkasta radio. Oni povas diri ke pli simplas elsendi per tiu kanalo ĉar la ĉefa teknika laboro konsistas nur el la sonregistrado. Por la aŭskultantaro, la retradio donas liberan eblon, kaj granda avantaĝo



Henriel Fidilalao, fondinto de Aminda retradio

estas la ebleco reaŭskulti podkastaĵojn iam ajn kaj ie ajn.

*Ĉu vi havis la eblon aŭskulti aliajn podkastajn programojn aŭ similajn projektojn, kiuj ankaŭ rete elsendas? Se jes, kiel vi aprezas tiujn retradiojn?*

Mi jam provis aŭskulti Esperante la radion Vatikano kaj tre ŝatas la prononcmanieron de la tieaj deĵorantoj. Mi iom ankaŭ aŭskultis Muzaiko, sed la ĉefa problemo en Madagaskaro estas la retkostoj. Kiam oni ekzemple vizitas publikan retkafejon, pli urĝas okupiĝi pri retmesaĝoj, elŝutado de bezonataj dokumentoj, alŝuto de podkastaĵoj ktp. Ĉiuokaze, al mi ŝajnas, ke retradio ĉiam utilas por nia komunumo ĉar ĝi respondas al la deziro de la nuntempa junularo en tio, ke ĝi estas pli facile kaj simple alirebla por ili.

*Kiel granda Esperanto-aganto en Afriko, kiel vi diagnozas la nuntempan staton de la kontinenta movado, kaj kiujn sugestojn vi tamen proponas por antaŭenigi la movadon en Afriko?*

Mi mem ne taksas min granda E-aganto. Afriko estas viktimo de sia propra grandeco. Estante insulano, mi scias preskaŭ nenion pri la situacio en la kontinenta Afriko. En 1996, en Prago, Tabor kaj Berlino, mi renkontis kelkajn afrikanojn kaj interŝanĝis ideojn kun ili, do mia kono pri miaj afrikaj gesamideanoj limiĝis al tio. Certe la lingvo progresas en kelkaj landoj kiel Togolando, sed daŭre malmultas la E-parolantoj en Afriko. Kaj la E-komunumo, krom la instruado de la lingvo al afrikanoj, devas ankaŭ helpi ilin akiri per la lingvo scion teknikan kaj teknologian por disvolviĝo de la kontinento. La plena uzado de Esperanto en nia ĉiutaga vivo estas la sola kondiĉo por antaŭenigi la movadon en nia kontinento.

# ''Esperanto Plus'' por subteni la afrikan movadon…

*Esperanto Plus* kiel provprojekto komenciĝis julie 2012 kaj oficialiĝis junie 2013. Ĝin iniciatis la gefrancoj Jean-Pierre Marcq kaj Evelyne Rotelini. Tiuj ĉi jam sufiĉe multe vojaĝis kaj rilatas kun e-istoj tra la tuta mondo, ĉefe kun afrikanoj. De siaj spertoj, ili imagis koncepton por valorigi la talenton de afrikaj aktivuloj.

*Esperanto Plus* do rekte kongruas kun la interna ideo pri egaleco kaj solidareco inter la homaro pere de Esperanto. Ĉar labori por Esperanto plej ofte postulas propran volan laboron, la evidenta bezono trovi vivrimedon malhelpas iujn, kiuj ŝatus dediĉi sin al la disvastigado de Esperanto, tion plene fari. Tia situacio pli akras en kelkaj landoj same kiel en afrikaj landoj, kie ne sufiĉas aŭ simple ne ekzistas deca laboro. Tial stariĝis *Esperanto Plus*.

Kiam oni konstatas la grandan diferencon inter la salajroj en la ekonomie pli fortaj landoj kaj tiuj de iuj afrikaj landoj, eblas en solidareca impulso krei grupojn de 15 eŭropaj e-istoj, kiuj kotizante po 10 eŭrojn monate ebligas al iu afrika kompetenta esperantisto perlabori sian vivon, disvolvante efike la lingvon en sia loĝregiono. Profesiiĝinte, oni aspektas pli serioza, kaj pli libere oni povas dediĉi sian tempon por Esperanto. Tio vigligas Esperanton kaj enigas ĝin en sociaj rilatoj.

Estu klare, ke temas pri salajro, ne helpo, libera kontrakto inter grupanoj. Krome la kotizantoj kaj la subtenato de ĉiu grupo povas regule interkontaktiĝi, interŝanĝi vidpunktojn kaj eventuale rapide reagi se iu neatendita problemo okazas.

Nuntempe kvar subtengrupoj funkcias por Togolando kun Adjévi, Madagaskaro kun Henriel, Tanzanio kun Mramba kaj Sudkivuo kun Jérémiah. Ĉiumonate la loka laboranto sendas raporton pri sia agado al ĉiuj membroj de sia grupo, kaj iuj el ili eĉ regule eldonas ian gazeton por konigi pri sia lando.

Kvankam jam funkcias la kvar grupoj, pro morto de iuj subtenantoj kaj retiriĝo de aliaj ankoraŭ ni bezonas novajn aliĝojn por kompletigi la nombron de la kotizantoj por tiuj grupoj. Same, bonvenas novaj aniĝoj por malfermi novajn grupojn ĉar daŭre alvenas petoj de spertaj afrikaj e-istoj, kiuj pretas plene dediĉi sin al Esperanto. Vere estas multe da subtenindaj kandidatoj, sed ankoraŭ malmultas la kotizantoj por plifirmigi la projekton, kaj ni ĝoje kaj danke bonvenigas novajn E-plusulojn.




Bonvolu informi viajn rondanojn en la E-mondo pri *Esperanto Plus*, instigi ilin aliĝi al la projekto, por tiel partopreni aŭ kontribui al la bela ago de solidareco. Antaŭdankon!

Pliaj informoj haveblas ĉe s-ro Jean-Pierre MARCQ [09800 ARROUT Francio, telefone (+33) 05 61 96 82 08]. Vizito al la projekta retpaĝo: *https://esperantoplus.jimdo.com* konsilindas. UEA-membroj povas ĝiri ĉu mondonacon, ĉu kotizon al la konto *epls-g* kaj informi pri la pagita sumo al *contact.esperanto.plus@gmail.com*

**Jean-Pierre kaj Adjévi**

***************

**Sekvo de la paĝo 6**

*ARE estas salutinda kaj kuraĝiginda iniciato. Ankoraŭfoje, dankon pro viaj respondoj kaj bonan sukceson al vi kaj al Esperanto en Madagaskaro.*

Mi esperas, ke ARE inspiros al aliaj afrikanoj starigi similajn aŭ eĉ krei pli interesajn projektojn por prefere progresigi Esperanton en la kontinento ol daŭre fermiĝi en senfinaj kvereloj pri estraraneco kaj k.s. Mi deziras sukceson ankaŭ al via redaktoreca laboro.

**Intervjuis la Redakcio**

# Afrika kontribuo al Esperanto-literaturo

| | |
|---|---|
| Titolo | El togolanda saĝosako |
| Aŭtoro | Adjévi Adjé |
| Kategorio | Prozo originala / rakontoj |
| Prezo | 7.50 €, sesona rabato ekde 3 ekz. |
| Eldonloko, jaro | Edegem, 2016 (2a eld) |
| Eldoninto | MAS |
| Klarigoj | Rakontoj el la vilaĝa vivo en Togolando. |
| ISBN/ISSN | 9782369600435 |
| Formato | 55 paĝoj, 22 cm |
| Recenzoj | Recenzoj mankas. Aldonu |

Adjévi ADJE

El togolanda saĝosako

Monda Asembleo Socia (MAS)

*El togolanda saĝosako* de Adjévi Adjé estas kolekto de rakontoj el la vilaĝa vivo en Togolando. La teksto de la verko estas en simpla kaj klara stilo, tiel ke la leganto povas facile ĝui la komprenon kaj fari al si ideon pri la vivo en afrika vilaĝo.

La aŭtoro de la verko ne nur pasigis sian infanaĝon en vilaĝo, kies memorojn li gardas, sed li ankaŭ faris kolektlaboron ĉe respondecaj personoj pri la tradicio de sia devena medio. Adjévi profitis el maljunuloj dum la kolekto de proverboj, ĉar la fame konata verkisto Ahmadou Hampaté Bâ instruis nin, ke la maljunuloj konsistigas grandan bibliotekon por Afriko. Cetere, la titolo de la verko atestas tion, parolante pri sako de togolanda saĝo.

Kio pli motivis la verkinton, tio estas ne nur la konservo de la memoraĵoj de lia vilaĝo, sed ankaŭ lia amo al Esperanto, kio montriĝas en lia kuraĝo kaj persistemo kun kiuj tiuj tekstoj origine parolaj estis translingvigitaj kaj verkitaj al la lingvo, universala sed kiu, farante sian vojon, ankoraŭ ne atingis plene sian destinon.

Esperanto, malgraŭ sia universaleco kaj kapablo esprimi ĉiaspecan penson, restas relative minoritata kompare kun aliaj lingvoj kun internaciaj trajtoj. Alie, kiom da homoj scipovas Esperanton en la vilaĝo Anjronkope, la inspira fonto de la aŭtoro? Al kiu do adresiĝas tiu verko? Tiel la entuziasmo de la aŭtoro valoras meriton, ĉar li montris per la pruvo iun orginalecon kompare kun iuj afrikaj verkistoj, rilate al la elekto de la lingvo.

Adjévi elektis eldoni pure afrikajn realaĵojn en Esperanto, ĉar lia unua intenco estas disvastigi la lingvon en Afriko kaj eluzi ĝin por diskonigi tiujn realaĵojn tra la mondo. Certe li ankaŭ volis elmontri sian kapablon kaj lingvoscion. Tiu ĉi libro estas aldona valoro al la propagandaj kulturaj klopodoj de e-istoj nuntempe. La deziro de Adjévi estas konservi la kulturon de sia medio, kiu danĝere ŝanĝiĝas, transformiĝas kaj eĉ malaperas sub la eksteraj influoj.

Okaze de la Tago de Esperanto vi povas rekomendi la verkon al viaj konatoj aŭ donaci ĝian ekzempleron al viaj rondanoj, ekzemple.

**Nouwoatsi K. Sénam**

*Esperanto en Afriko* estas trimonata oficiala periodaĵo de la Afrika Komisiono de UEA pri la Esperanto-movado en Afriko.

**Redaktas:** Adjévi Adjé, 06 B.P. 61807, Lomé, Togolando; tel.: +228 902 57 549, 995 72 623.

Kion faras via landa asocio aŭ via loka E-klubo en via loĝloko? Bonvolu verki kaj sendi artikolon pri tio. La redakcio akceptas ankaŭ fotojn. Bonvenaj kompreneble estas ankaŭ sugestoj, konsiloj, komentoj por la plibonigo de la bulteno al: *adjevia@gmail.com*.

**Limdato por la numero 36:** la 15-a de septembro 2018.



Pli da informoj pri la afrika movado haveblas per: ***www.esperanto-afriko.org***